2.ª Ep. AÑO IV, N.º 17 (153 ENERO-FEBRERO 1966



DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# BILBAO, NIA KONGRESURBO POR 1966

Bilbao estos ĉijare bela scenejo por nia XXVII[a] Kongreso de Esperanto.

En la bildo oni povas vidi la ponton Vizcaya, ĉe Portugalete.

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko
kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
Ĉekkonto: n.º 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.



## de secretaría

Estando organizando la sección de estadística de nuestro archivo rogamos a todos los esperantistas que sepan de localidades españolas donde haya plazas o calles dedicadas al Esperanto o a su creador, lo comuniquen a la Secretaría de la Federación, si es posible indicando la fecha en que se tomó el acuerdo de dar el nombre a esas calles.

Asimismo rogamos a todos los Grupos que comuniquen a Secretaría el número de sus miembros, bien entendido que no es el número correspondiente al número de ejemplares de BOLETIN que suscriben, bien sea individual o colectivamente, sino al número real de sus afiliados. Interesa saberlo por cuestión de estadística.

Gracias por vuestra colaboración.

---

En la Junta General que esta Federación celebró el 22 de julio de 1965; fue aprobada la propuesta de varios esperantistas para que la Directiva de H. E. F. convoque a exámenes de Esperanto, con independencia de los Congresos.

Rogamos a todos los esperantistas que deseen examinarse antes de la celebración del Congreso en Bilbao, donde también se convocará a examen, lo comuniquen a esta Secretaría para poder agrupar las distintas ciudades y determinar en cuáles de ellas se verificarán los exámenes.

*I. Gastón*

Mendu jam:

- Poŝkartojn kaj glumarkojn de nia XXVII[a] Kongreso de Esperanto.
- Poŝtk. 2 ptoj. po ekz.; Glumark. 1,50 folieto.
- Poŝtk. kun la J. I. K. — alegorio, 6 ptojn. deko.
- Kovertojn kun la teksto «Esperanto - La Lengua Internacional», 5,00 ptojn. deko.

# SALUTO KAJ INVITO



En el recorrido que, por toda la geografía patria, hacemos los esperantistas españoles a través de nuestros Congresos Nacionales, le ha tocado este año la vez —aunque no es la vez primera— a la industriosa y noble villa de Bilbao, destacada en múltiples aspectos; entre ellos y por lo que a nosotros respecta, en el esperantista, desde aquellos primeros tiempos en que valiosos pioneros comenzaron a abrir allí los primeros surcos.

A nuestra reunión, pues, en Bilbao, llamo e invito a todos los esperantistas federados y no federados; reunión, verdaderamente, de familia, en la cual, si por parte de la Federación, es aprovechada para celebrar su junta general, todo esperantista tiene, independientemente de ello, un puesto y una doble labor a realizar: mirando hacia adentro, la de hacer exámen de conciencia de cómo ha sentido y traducido en hechos el ideal fraterno que el Esperanto entraña; mirando hacia afuera, la de dar testimonio —ante curiosos y escépticos— de lo que el Esperanto es.

Hasta Bilbao.

Vuestro Presidente,

*Miguel Sancho Izquierdo*

# NUR POR TIPE MEZAJ ESPERANTISTOJ

(JES)

Antaŭ mi estas tipe meza esperantisto. Li estas membro de la Federacio, membro de sia urba Grupo, kaj de tempo al tempo li vizitas la kluban ejon kaj tie legas aŭ paroletas iom da esperanto. Li kredas, iomete vage, pri la fina venko de esperanto, multfoje ripetas tiun frazon «fosi la sulkon», kiu estas tiel ŝatata de niaj veteranoj.

Tamen, verŝajne li konsideras tian fosadon nur kiel bonan sloganon, sed ne vidas materialan rilaton inter la fosilo kaj siaj manoj. Pro tio mi diris, ke li estas tipe meza esperantisto.

Hodiaŭ, mi sentis intereson. Kiel li pensas pri esperanto, pri la movado en nia lando, en nia Grupo...?

—Ej, amiko... Mi devas intervjui iun. Kial ne vin?

—Demandu, do. Mi estas fervora esperantisto. Esperanto venkos. Ĉiuj devas lerni esperanton.

—Haltu, mi petas. Kliŝojn, ne. Mi deziras faktojn. Ĉu vi partoprenas la agadon de via Grupo? Vi ĉeestas la kunsidojn?

—Bone... La Estraro organizas kunvenojn aŭ paroladetojn, sed vi ja scias, ke mi multe devas labori por vivi. Alifoje, okazas ke la vetero estas pli bona por promeni ol por ĉeesti kunsidon. Tamen, se oni petas ion de mi...

—Kaj, pri legado? Ĉu vi posedas multajn esperanto-librojn?

—Librojn vi diras? Ho! ili estas tre multekostaj. Kaj okazas ankaŭ, ke mi devas pagi la kvitancojn de la televidilo. Kaj kompreneble, mi televidas unu-du horojn ĉiutage, do mi ne havas tempon por legi.

—Kiamaniere vi plibonigas vian esperantan scion?

—Vidu, de tempo al tempo mi renkontas surstrate samideanon Petro... Vi ja scias, li estas iom mania kaj nur parolas esperante. Do, mi tiam profitas la okazon por praktiki. Almenaŭ, por praktiki aŭskultadon.

—Jes, jes. Kaj... kiel marŝas la akuzativo?

—La akuzativo? Mi neniam studadis ĝin ĝisfunde. Sed, la vero estas ke ĉiuj komprenas min bone, kiam mi parolas. Ne estas mia devo paroli tiel bone kiel Ivo Lapenna, ĉu?

—Kompreneble, Karlo, kompreneble. Tamen, vi almenaŭ partoprenos nian Kongreson?

—Humm. Vi ja scias, en mia libertempo ni iras al vilaĝeto, apud rivero, por iomete fiŝkapti kaj azenrajdi.

—Aŭskultu min bone, amiko. Tio devas finiĝi. Se vi vere estas esperantisto, se vi kredas funde ke esperanto estas bela kaj realigebla ideo, vi devas ĉeesti la kunsidojn de via Grupo, aboni revuojn, legi librojn... Resume, vi devas bone posedi la lingvon kaj ne esti simpla balbutanto de «Bonan tagon, kiel vi fartas» frazoj.

Sed, tre speciale, por plenigi vian koron per amo al la lingvo kaj estimo al viaj samideanoj, vi devas partopreni Kongreson... Ekzemple, ĉi jare la Nacia Kongreso okazos en Bilbao, la urbo de la fero kaj de la pluvombreloj. Esperantistoj, kiuj bone scias la lingvon kaj ŝatas age puŝi ĝin antaŭen, rendevuos tie. Tie vi vin trovos meze de malgranda Esperantujo, vi sentos la varmon de amikaj koroj, aŭskultos nian belan lingvon digne parolata de plej elstaraj esperantistoj kaj en via koro denove refajriĝos tiu flamo, kiu nun estas dormetanta.

Ĉeestu nian Kongreson! Venu kun via edzino kaj familianoj! En Bilbao, multaj brakoj malfermiĝos por akcepti vin kun ĝojo kaj amikeco.

—Vi konvinkis min, amiko. Esperantista Kongreso en Bilbao certe estos neforgesebla. Mi partoprenos la Kongreson!

Kaj tiumomente mi finis la razadon, deprenis la speguleton, kaj mi ne plu vidos la vizaĝon de nia tipe meza esperantisto ĝis morgaŭ matene.

**Noto de Redakcio:**

## AL NIAJ KUNLABORANTOJ

En la decembra numero de BOLETIN, la Prezidanto de la Akademio de Esperanto, Prof. G. Waringhien, informis al la esperantistaro pri la du lastaj decidoj de la Akademio, unu el ili pri la uzo de la pasivaj participoj kaj la alia pri la gramatika gategorieco de la radikoj. La teksto de la definitivaj rezolucioj estas nun prilaborata kaj estos publikigita laŭŝajne en proksima estonto.

La decido de la Akademio rilate la uzon de la pasivaj participoj, pri kiu ĝis nun pridisputis la partianoj de ambaŭ sistemoj aŭ interpretoj («tempuloj»/-ata/, kaj «aspektuloj»/-ita), metas finan punkton (ni tion esperu!) al tiu bedaŭrinda batalo kaj devigas ĉiun respondecan esperantiston agnoski ĝin.

Certe, multaj el la samideanoj kiuj interesiĝas pri la problemo konstatis, ke inter la diversaj kunlaborantoj de BOLETIN, troviĝis kaj troviĝas partianoj de ambaŭ sistemoj, ĉar ĝis nun estis regulo ĉe ni respekti ambaŭ vidpunktojn en la diversaj verkaĵoj al ni senditaj por publikigo en nia bulteno. Ĝenerale, jam de la unua momento, ni decidis respekti kaj akcepti ĉiajn stilojn, ĉiajn opiniojn, ĉiajn kunlaboraĵojn, kondiĉe ke ili havu minimuman intereson por ĉiuj kaj kontentigan lingvan korektecon, ĉar ni konsideris, ke nia revuo apartenas al ĉiu membro de nia Federacio. Laŭeble ni klopodis forigi tiujn erarojn kiuj rekte atakis nian gramatikon, ĉu ni atingis tion, aŭ ne, devos juĝi la leganto mem.

Tamen, alvenas nun la momento informi al niaj kunlaborantoj pri la decido de la Estraro de H. E. F. kaj Redakcio de BOLETIN, agnoski la decidon de la Akademio de Esperanto —senkonsidere ĉu iuj el ni konsideras tiun decidon trafa, aŭ bedaŭrinda— kaj postuli por ĉiuj verkaĵoj al ni sendotaj la respekton al la reguloj ĵus starigitaj de nia Supera Lingva Institucio.

Sekve de tiu decido ni petas al niaj kunlaborantoj atenti pri ĉi tiu punkto en estontaj verkaĵoj.

La unueco de nia afero devigis nin preni ĉi tiun decidon, kaj ni esperas trovi komprenemon flanke de tiuj samideanoj, kiuj konsideras, ke la decido de la Akademio ne kontentige solvas la problemon, kiun starigis la korekta uzo de la pasivaj participoj en la konjugacio de la esperantaj verboj.

*Nicolás L. Escartín*
*Ĉefredaktoro*

N. B. — En ĉi tiu numero ni ne surkorektis la jam ricevitajn kunlaboraĵojn.

## 5.ª INTERNACIA KULTURA SEMAJNO EN «GRESILLON»

La 5-a Paska Kultura Semajno, sub la aŭspicioj de la Ministerio pri Franca Edukado, okazos de la I-a ĝis la 8-a de aprilo 1966 en la kastelo «Grésillon» — Baugé (Maine-et-Loire).

Eminentaj esperantistoj prelegos pri diversaj temoj precipe kulturaj kaj, praktikaj kursoj, ludoj, distraj vesperoj, ekskurso al la kasteloj de la «Loire» okazos dum tiu semajno.

Oni ankaŭ oferdonos, dum tiu epoko, senpagan restadon al 5 eksterlandanaj gejunuloj.

Petu klarigojn pri la kosto de la restado kaj, pri rabatiloj por la fervojoj al:

S-ro BABIN, Lycée Pierre Loti, 5, Boulevard Buisson
17-ROCHEFORT-SUR-MER (Francujo)

*René LLECH-WALTER*
*Prezidanto de U. F. E.*



## KLERIGO POR IZOLITAJ KANADANOJ

Intensa programo de klerigo direktiĝas nuntempe al plenaĝaj eskimoj kaj indianoj loĝantaj en la Nord-Okcidentaj Teritorioj de Kanado.

Temas pri teritorio de 3.600.000 kv.km. (iom pli granda ol Hindujo) norde de la 60-grada cirklo de latitudo kaj etendiĝanta ĝis trans la arkta cirklo.

Malgraŭ grandaj distancoj kaj ekstrema klimato —lagoj, riveroj kaj maroj estas glacikovritaj dum 8 ĝis 10 monatoj ĉiujare, kaj la ĉefa transportilo estas aviadiloj— pli ol 80 % el ĉiuj infanoj de la teritorio jam ĉeestas lernejon, plej-parte kiel enloĝantoj.

## «VIDADO» PER ULTRA-SONOJ: USONA EKSPERIMENTO

Rimedo por «vidi» en mallumo per ultra-sonoj, simile kiel faras vespertoj, eble povos helpi al blinduloj. Lastatempe pristudis ĝin usona inĝeniero, s-ro Ralph C. Beil. Li celis eltrovi, ĉu homoj povas sub difinitaj kondiĉoj percepti sonojn, kiujn normale ili ne kapablas aŭdi: nome, sonoj kun frekvenco de pli ol 18.000 cikloj sekunde. Kutime plenaĝaj homoj povas aŭdi sonojn nur ĝis la frekvenco de ĉ. 16.000 c/s.

La gepartoprenantoj de la eksperimentoj de s-ro Beil sidis kun kovritaj okuloj en ĉambro speciale aranĝita por ensorbi ĉiujn sonojn krom ultrasonoj. Speciala aparato elsendis la ultrasonojn kontraŭ diversaj objektoj, kiujn la partoprenantoj devis diveni. Eĥoj de la ultrasonoj ebligis al ili konstati la ĉeeston eĉ de malgrandaj objektoj kaj taksi distancojn ĝis ĉ. 3 metroj. Ili sukcesis ankaŭ taksi la grandecon de la objektoj kaj distingi inter mano pugna kaj mano malfermita.

## NIGERIA POETO BICIKLAS TRA AFRIKO

Juna Nigeriano, intencante verki libron pri la socia kaj politika evoluo de la afrikaj ŝtatoj, traveturas la kontinenton per biciklo.

Femi Aluko (27-jara) ekveturis el Nigerio, kie li naskiĝis, la 25-an de aŭgusto 1964 kaj unue trairis okcidentan Afrikon: Nigero, Supra Bolto, Malio, Senegalio, Gvineo, Sieraleono, Gano, Togo, kaj Dahomeo. Post la ekvatoraj kaj centraj landoj de Afriko li vizitos, se eble, Sudafrikon.

Aluko naskiĝis en Kano, en norda Nigerio ,kaj studis en Zario.

Li laboris en reklamentrepreno kaj jam eldonis originalan poemaron.

## 290.000 STUDENTOJ STUDAS EKSTERLANDE

Cirkaŭ 290.000 studentoj, t.e. 2 % de la monda studentaro, studis eksterlande en 1964.

Laŭ la plej nova eldono de «Study Abroad», kiun eldonas Unesko, Usono havis en 1964 la plej grandan nombron da eksterlandaj studentoj sur sia teritorio: pli ol 74.000. Post Usono viciĝis Francujo (30.000), la Federacia Respubliko Germanujo (25.000), Sovetunio (21.000), la Unuigita Reĝlando (14.000 nur en la universitatoj), Aŭstrujo (9.000) kaj Svislando (8.000).

## ALICIO EN MIRLANDO — JAM CENTARA

Unu el la plej ŝatataj infanaj libroj, «Alicio en Mirlando» (Alice in Wonderland) ĉi-jare festas sian centan datrevenon. Ĝuste antaŭ 100 jaroj la originala, reala «Alicio», tiam dekjara knabino, donace ricevis la manuskripton de siaj fantaziaj aventuroj, verkitaj kaj ilustritaj de Lewis Carrol —pseŭdonomo de Charles Lutwidge Dodgson (1832-98), lekciisto pri matematiko en la Universitato de Oxford.

Ekzempleroj de la unua eldono estas hodiaŭ tre serĉataj, ĉar da ili estis nur 2.000. Sed de post 1865 la verko aperis 175-foje en 38 diversaj lingvoj. Lastatempe eldoniĝis latina traduko, kaj ekzistas ankaŭ svahila, en kiu rolas afrika Alicio kun krispa nigra hararo. Esperanta eldono ilustrita aperis en 1910, tradukita de E. L. Kearney.

## VETERPROGNOZOJ PER SATELITOJ

Fine de 1965 aŭ komence de 1966 la usona satelit-sistemo «TIROS» komencos elsendadi bildojn pri la nubo-stato super ĉiu punkto de la terglobo minimume unufoje tage. Ĝi orbitados en 113 minutoj je alteco de 1.250 km. La informojn ricevados kaj analizos la tri interkonsentitaj Mondaj Meteologiaj Centroj, en Moskvo, Vaŝingtono kaj Melburno, tiel kunlaborante en la Monda Veterobservo.

# ESPERANTO - MODERNA LINGVO

Noto de la Redakcio

En rilato kun la aserto de Sro. Régulo en lia recenzo pri Esperanto — moderna lingvo (Boletín n.° 13, 1965), ke li invitis partianojn de ambaŭ interpretoj prezenti siajn vidpunktojn pri la uzo de la pasivaj participoj, kaj ke la fakto, ke en la Simpozio aperis nur samtendencaj pecoj dependis de la kontraŭula rifuzo partopreni, nia Redakcio ricevis leteron kun fotokopioj de Sro. Setäla, el kiuj evidentiĝas, ke li estis invitita de Sro. Régulo, kiu opiniis la vidpunkton de finno —nehindo-eŭropa— nepre interesa, sed nur kondiĉe ke ĝi estu akordigebla kun la ĉeflinioj eksponitaj (itismo). Al tio Sro. Setäla respondis, ke li povus trakti la aferon nur el lingvoscienca vidpunkto, sen antaŭmeto de la rezulto, post kio Sro. Régulo ne plu estis interesata pri la artikolo.

Ni korespondis kun Sro. Régulo pri la afero, kaj ĉi tiu volonte akceptis, ke estas tiel, kaj petis nin publike esprimi sian bedaŭron al Sro. Setäla kun pardonpeto pro la misaĵo.

Ankaŭ de Sro. Teo Jung ni ricevis, malfrue pro lia operaciiĝo kaj longdaŭra malsano, kelkajn liniojn pri la artikolo de Sro. Régulo. I.a. li skribas, ke Sro. Régulo ne invitis lin kunlabori ĉe la Simpozio. En sia letero de 25.4.61 al Sro. Jung, Sro. Régulo mem skribis: «*Vere, ke vin kaj Sron. Isbrucker mi ne invitis*». Vere estas, ke la 11.4.61 Sro. Régulo demandis al Jung, ĉu li konsentos represi en la Simpozio privatan korespondaĵon, kiun li (Jung) havis kun R. Schwartz pri la konata temo. Tion Jung rifuzis. Siaflanke Jung faris al Sro. Régulo proponon, sed ĝin Sro. Régulo lasis sen respondo.

---

# INTERNACIA TURISTA ASOCIO OFICIALIGAS ESPERANTON

La Turista Asocio La Naturamikoj, grava internacia turista kaj kultura asocio, ĵus decidis pri novaj statutoj. En tiuj statutoj por ni esperantistoj estas interesa la artikolo 6, lit. d, kiu tekstas jene: «Progresigo kaj apogo de la strebado al internacia lingvo, ekz. esperanto. «Tiel sankciis la kongreso de la NFI (Naturamika Federacio Internacia), kiu kunvenis le 19an ĝis la 21a de Aŭgusto 1965 en Kopenhago. NFI estas la internacia federacio, kiu kunigas ĉiujn landajn asociojn de la Turista Asocio La Naturamikoj.

En ĉi tiu jaro tiu asocio festis sian 70-jaran jubileon. Pro tiu evento NFI eldonis broŝuron 64-paĝan (29,5 x 21 cm.), riĉe ilustritan kaj kvinlingvan (germana, franca, nederlanda, angla kaj esperanta lingvoj). La amaso da bildoj, inter kiuj multaj estas fotografiaj juveloj, montras ĉiujn aspektojn de la naturamika aktiveco. Ili prezentas rikolton da travivindaĵoj, kiuj formis kaj plifirmigis la bazon, sur kiu la naturamika movado pli kaj pli disvolviĝis por fariĝi organizaĵo, stimulanta senĉese al disvastiĝo de la sociala turismo kaj al la plialtigo de la kultura nivelo de sia anaro.

Mendu la broŝuron, se eble ĉe via loka grupo. Se vi ne konas ties adreson, aŭ se en via urbo ne estas tia grupo de la Turista Asocio La Naturamikoj, vi povas aĉeti la broŝuron ĉe jena adreso:

Sekretariato de NFI (Naturamika Federacio Internacia)
Dreikönigstr. 7
CH-8002 ZÜRICH
Svislando



«Los chicos Cantores», el la Grupo Diamanto de Madrid

TAGO DE ZAMENHOF

Kun renovigita entuziasmo, en la esperantaj grupoj, la ĉiujara omaĝo al la Fondinto, estis oferata diversmaniere, kvankam celo kaj decidoj estos samaj ĉiuloke. Honori lian memoron kaj daŭrigi lian taskon, ĝis atingi la deziratan pacon en la mondo.

Laŭ la informoj ricevitaj ni raportas ĉi sube pri la vigla agado de nia samideanaro por solene kaj pompe festi tiun gravan eventon.

BARCELONA. CLUB AMIGOS DE LA UNESCO. ESPERANTO GRUPO

Ni transkribas la programon kiel estis al ni sendita.

Programo por la sabato 18 de Decembro 1965 je la 8ª vespere.

1.° La poeto samideano Francisko Vilá, parolos al ni pri kelkaj gravaj eventoj el la «VIVO DE L. L. ZAMENHOF».

2.° Sonfilmo en Esperanto. «HISTORIO DE LA ARTO» (2ª epoko).

3.° Eksterordinara «LIBRO-EKSPOZICIO».

BILBAO. — Sinjoro Elezcano, paroladis pri D-ro. Zamenhof, laŭdante lian verkon kaj figuron per elokventaj kaj trafaj vortoj kiuj interesigis kaj montris al la ĉeestantaro, la meritojn kaj senĉesan strebadon de la aŭtoro. Li estis longe aplaŭdata kiam finis.

16ªn. Oni organizis muzikfeston kun selektaj partituroj, kiuj majstre estis ludataj de la Polifónica Euskalduna.

17ªn. La ĉeestantoj en la Grupo dediĉis tiun tagon por aŭskulti diskojn kun muziko, kantoj kaj paroladoj en Esperanto.

18ªn. Sinjoro Julio J. Juanes prelegis pri la figuro de D-ro. Zamenhof reliefigante la signifon de lia tasko en tiu malfacila epoko, kiam tiom da baroj li trovis en sia entrepreno kaj, malgraŭ tio li daŭrigis senhezite kaj kuraĝe al la sopirata celo. Sinjoro J. Juanes estis varme aplaŭdata.

19ªn. Matene, en tiu tago oni celebris meson kaj poste en la centra sidejo kantis la ĥoro de la O.N.C.E. (Nacia Hispana Organizo por Blinduloj). Poste oni servis apiritivon kiu estis grandamase partoprenita.

MADRID. GRANDA FESTO EN LA GRUPO «DIAMANTO»

Okaze de la datreveno de D-ro. Zamenhof, la grupo Diamanto de Madrid, kiu verdire estis fondita en la monato aprilo de la pasinta jaro 1965, organizis muzikan kaj propagandan feston, al kiu estis invitataj ĉiuj membroj de la Esperanta Madrida Liceo.

Parolis nome de la Liceo, ĝia Prezidanto S-ro. Tomás Ortiz kaj la Sekretario S-ro. Ballesteros, kiuj per varmaj kaj esprimplenaj frazoj kuraĝigis la membrojn de la grupo Diamanto por ke ili daŭrigu sian varbigan kaj instruan laboron.

S-ro. Ortiz priskribis la figuron de D-ro. Zamenhof.

La ĉeestantoj, preskaŭ 200, entuziasme aplaŭdis la prezentadon de la junaj esperantistoj, tiel same la muzikan verkon, kiel en la prelegoj kaj diversaj elmontroj en esperanta lingvo. Estis deklamado en kiu meritas elstari poezio al la esperantista virino, elparolita de S-ro. Ballesteros kiu estis tre aplaŭdata.

Poste estis realigita la solena finfermo de la esperantaj kursoj kaj oni surmetis iliajn skarpojn al Fraŭlino Esperanto de la Liceo, same kiel al Fraŭlino Esperanto de la grupo Esperanto Diamanto. F-ino. Angelines Muñoz L. de Alda, tiu ĉi akompanata de siaj honordamoj F-inoj. Mari Ló Rodríguez Mingorance kaj Mari Carmen Rodríguez Martínez, kiuj ĉeestis dum la investo de insignoj Verda Stelo. Tiu ĉi estis estis farita kun grandaj aplaŭdoj de la ĉeestantaro. Oni metis insignojn al la 20 lernantoj fini-

ĝantaj la lastan kurson kiuj estis frate akceptataj en la sino de la Grupo Diamanto.

Estis ja Esperanta festo, kie la raportanto vidis kiel emocie ploris multaj el la esperantistaj veteranoj.

Same en la komenco de tiuj okazaĵoj kiel en la fino la partoprenantoj plenrespekte kaj starantaj aŭskultis la akordojn de la Espero.

Honoris nin per lia ĉeesto la Vic-Prezidanto de la Liceo, Prof. Miró, S-ro. Cantero kaj multaj konataj esperantistoj. La festo komencis la 5an horon posttagmeze kaj finis la naŭan kaj duonon en kiu la ĉeestantoj translokiĝis al konata madrida restoracio kie la Liceo de Esperanto organizis interfratan vespermanĝon.

*A. Gansó*

---

VALENCIA. — 11an. En tiu tago je la 22a horo la samideanaro partoprenis en interfrata vespermanĝo kiu okazis en hotelo Munich. Ĉe la fino leviĝis D-ro. Herrero por saluti la ĉeestantaron kaj rememori tiujn, kiuj ne povis veni por iu ajn kaŭzo, en tiun ĉi agrablan kunvenon.

Li diris interalie, ke la omaĝo de Valencia samideanaro estis adresata ĉijare al D-ro. Tudela pro lia esperanta laboro sufiĉe bone konata de ĉiuj. Oni donacis diplomon al D-ro. Tudela, kiu emocie esprimis sian dankemon kaj promesis daŭrigi laborante kiel ĝis nun.

S-ro. Leonard konfirmis la vortojn de D-ro. Herrero kaj animis al la ĉeestantaro daŭrigi laŭ la vojo de universala interfratigo, kun la noblaj idealoj kiuj estas devizo kaj fundamento de nia tuta agado.

12an. Dimanĉe, je la 11a horo, meso en la Kolegio de Sankta Josefo.

Je la 12a horo de la sama tago oni metis laŭrokronon sur la nomtabulon kiu titoligas la straton D-ro. Zamenhof. Oni kantis kelkajn strofojn de la Espero. Fine oni vizitis la tombojn de samideanoj Hernández kaj Prades.

15an. La Prezidanto de Valencia Esperanto Grupo Prof. Miquel, prelegis en la Universitato. Sufiĉe bone konata estas de ĉiuj la eleganta parolstilo kaj elokventaj argumentoj de S-ro. Miquel. Tial, liaj belaj frazoj estis atenteme aŭskultataj de la publiko kiu plenigis la salonon kaj longa aplaŭdado estis la premio de lia disertacio.

VALLADOLID. — Kiel jam estas tradicie la grupo «Fido kaj Espero» celebris la 12an. de Decembro sian jaran feston honore de D-ro. Zamenhof, kreinto de Esperanto. Unue la valladolidaj esperastistoj ĉeestis al la Sankta Meso en la Preĝejo S. Lorenzo antaŭ la altaro de la Virgulino, Patronino de la Urbo. Mesofaris P. Gabriel Herrero kaj predikis Paroĥestro D. David Sánchez del Caño, kiu havis laŭdajn vortojn por la Grupo kaj por Esperanto. S-roj. Castañón kaj Gamboa legis esperante la Epistolon kaj la Evangelion kaj je la fino de la Diservo oni kantis Saluton Reĝinon. Je la dekdua kaj duono en la salono de la Universitata Kolegio «SANKTA JOHANO LA EVANGELISTO» oni projekciis kvar dokumentarojn afable prunte donitajn de la Franca Ambasadejo, kiuj multe plaĉis al la ĉeestantaro. Oni profitis la okazon por disdoni cent sesdek faldfoliojn de nia informilo pri Esperanto. Fine kvardek gesamideanoj kaj simpatiantoj ĉeestis al frata bankedo en restoracio «La Rosaleda» kie regis gaja etoso, je la fino la propietulo ĝentile invitis al ĉiuj per ŝaŭmanta vino. La 13an en la salono de la Grupo, Fraŭlino Rafaela Urueña, prelegis pri la temo «LA KASTELO DE GRESILLON, ESPERANTISTA RESTADEJO». La prelegintino estis prezentata de la subskribinto kaj ŝi en tre simpla, sed bonega Esperanto priskribis la etoson, vere esperanta, de la Kastelo kaj ankaŭ la naturan belecon de ĝiaj ĉirkaŭaĵoj, same kiel la trankvilecon por taŭga ripozo.

Fine, F-ino. Urueña kuraĝigis al la ĉeestantoj por baldaŭa vizito al la Kastelo. La parolado de F-ino. Urueña estis premiata per longaj aplaŭdoj. Pri la festo raportis ĉiuj lokaj ĵurnaloj kaj radiostacioj. La ĵurnaloj «El Norte de Castilla» kaj «Diario Regional» publikis artikolojn pri Esperanto, verkitaj de nia Prezidanto S-ro. Cantalapiedra.

*L. Hernández*

---

ZARAGOZA. — 11a En la Veterana Grupo Frateco, S-roj. Jaime Benito kaj Emilio Pérez, organizis ekspozicion kies devizo estis «TRA EŬROPO KUN ESPERANTO». La multenombraj vizitantoj tre laŭdis la montritajn objektojn kaj por la neesperanta publiko vekigis la deziron lerni la lingvon.

*(continúa en la página siguiente)*

En la sama tago kaj ĉe la societa sidejo, S-ro. Emilio Pérez prelegis pri sia restado pasintan someron en la Kastelo de Gresillon. Li trafe priskribis la travivaĵojn de sia restado en tiu mirinda loko kie la ĉarmo de la naturo, harmonias kun la agrablaj kaj toleremaj rilatoj de la personoj. Plej bona ferio por esperantisto estas viziti Gresillon. Fortaj aplaŭdoj akompanis la finon de la prelego.

15an. En la Grupo oni ludis diskojn kun muziko kaj esperantaj kantoj. Tiun tagon kaj de la tri lokaj radiostacioj oni dissendis la himnon kaj aliajn kantojn en Esperanto, kiuj, estis dediĉataj al personoj kaj organizoj. Tio multe efikis por nia propagando, ĉar la nomo Esperanto laŭte sonis en tiu okazo tra la tuta urbo.

18an. En la solena kadro de «Institución Fernando el Católico», Provinca Palaco, Prof. D-ro. Miguel Sancho Izquierdo, prelegis pri sia vojaĝo en Japanion, okaze de la pasinta Universala Kongreso.

La priskribo de la vojaĝo povis esti facile sekvata kaj kompre nata de la publiko, ĉar D-ro. Sancho Izquierdo jam de ĝia komenco filmis la scenojn kiujn li kredis interesaj; tiuj filmoj estis projekciataj dum li parolis, klarigante la bildojn, kiuj aperis sur la ekranon

Pro tio estas facile kompreni ke ĉiuj ĉeestantoj kvazaŭ akompanis lin dum sia trairado kaj vizitis kun li la diversajn landojn kiuj estis en sia vojo ĝis la finatingo de Japanio. La laborema, simpatia kaj gastigema japana popolo. Lando de floroj kaj feinaj pejzaĵoj kie kuniĝas la plej antikvaj tradicioj kaj kredoj al la lastaj eltrovoj kaj inventoj de la moderna tekniko. Ni povis admiri kun li la kapricajn formojn de tiu speciala arkitekturo, precipe en temploj kaj palacoj, la riĉan popolan folkloron kaj aliajn sennombrajn monumentojn kiuj staras tra la tuta lando.

D-ro. Sancho Izquierdo tre detale informis pri la kunsidoj de la Kongreso kaj insistis precipe al la neesperanta publiko, en la fakto, ke reprezentantoj de pli ol kvardek landoj sin interkomprenis parolante nur unu lingvo.

Tondra aplaŭdado sekvis al liaj lastaj vortoj.

Poste, je la 22a horo, en konforta restoracio okazis interfrata vespermanĝo. La etoso estis gaja kaj la ĉeestantoj bonhumore babiladis ĝis la fino.

(Kompilis kaj raportis.)

*A. Salete*

---

## *NIAJ GRUPOJ:*

# GRUPO FIDO KAJ ESPERO

VALLADOLID. — La 11a tago de Januaro, en la Esperanta Grupo Fido kaj Espero de nia urbo, samideano Ludoviko Hernández (ĉiuj nomas lin «Ludoviko»), paroladis dum la oratora ciklo de la nuna jaro, pri «LA PRAEPOKO DE ESPERANTO».

Kun tre polurita stilo kaj belega Esperanto (jes, jam oni parolas preskaŭ perfekte la Esperantan Lingvon en nia Klubo), kaj tre bone dokumentita, li faris al ni la preludojn aŭ komencojn en kiuj baziĝis Dr. Zamenhof por konstrui la facilan kaj mirindan Internacian Lingvon.

Ludoviko estas la tria de niaj parolistoj de l'oratora ciklo, kaj la tuta ĉeestantaro sekvis lin kun granda intereso. Poste, ankaŭ li faris hispane resumon por tiuj, kiuj ankoraŭ ne konas Esperanton kaj sekvas la kurson sub la gvido de nia kara Prezidanto Sr. Cantalapiedra.

*A. Gamboa*

# ALICANTE

*M. López Serna*

Jen hodiaŭ venas en nian angulon Alicante, la ĉarma mediteranea provinco, suda parto de la valencia regiono kie kunfandiĝas nostalgiaj rememoroj de prahistoria tempo kun moderna medio de floranta urbo, kun eterna odoro de jodo kaj algoj, laboremo kaj juneco, poezio kaj arto, laborista ŝvito kaj nobelaraj blazon-ŝildoj.

La vorto Alicante laŭ latina etimologio signifas LUM-URBO. Fakte, ĝia konstanta kobalte blua koloro de la ĉielo, la mirinda kontrasto de palmoj kaj maro pravigas tiun nomon. Nedubeble ĝi estas la hispana regiono pli lumplena, kiu ĉiu jare registras malpli da nubtagoj.

Miloj da jaroj antaŭ Kristo la rodo aŭ bahio de Alicante estis jam vizitata de popoloj kiuj loĝis en Jeriko.

En la IV[a] jarcento a. K. focanoj (1) fondis ĉi tie la unuan urbon kun la nomo LEUKON TEIJOS. Pli poste, III[a] a. K., la kartaga generalo Amilkar Barka, instalis tie sian bivakon kaj nomis ĝin Akra Leuka.

La loĝantaro de la ĉefurbo estas, rondcifere, 130.000.

Lastatempe estas tiom vizitata de turistoj ke ĝi spiras veran kosmopolitan medion.

Pro sia milda klimato dum tuta jaro, estas agrabla restadejo de multaj bonŝanculoj. Temperaturojn subnulajn ne registras la lokaj termometroj. Ĝi estas modernigita urbo kun palmopromenejoj el kiuj elstaras la «Explanada», situanta laŭlonge de la maro, borderanta la havenon, 1,50 km. longa, tute pavimita per 7 *milionoj* da plurkoloraj pavimeroj kaj finiĝanta per bela fontano kiu kokete svingas sian plurbranĉan akvoludon.

Posedas du interesajn kastelojn: St[a] Bárbara, kun grava historia rolo en antikva (antaŭ Kristo) epoko, 200 m. alta, vera fortikaĵo en kiu obstine bataladis grekoj, iberoj, romanoj, araboj... Ĝi havas kategorion de «Nacia Monumento». Kaj St[a] Fernando, 85 m. alta, konstruita dum la Milito de la Sendependeco. Tie funkcias nuntempe instituto por la pedagogia kariero kaj mezgrada lernejo.

Aliaj gravaj posedaĵoj estas: la Urbo-



Domo, baroka stilo, de la XVIII j.c.; preĝejoj de St[a] Maria kaj St[a] Nikolao, de la XVI[a] kaj XVII[a] j.c. respektive; Provinca Deputitejo, kiu posedas gravan arkeologian muzeon, siafake unu el la plej riĉenhavaj de Hisp.; la barokstila monaĥejo St[a] Faz (St[a] Vizaĝo), kiu laŭ la tradicio konservas la tukon per kiu Veroniko viŝis la vizaĝon de Nia Sinjoro survoje al Kalvario.

Ekzistas projekto konstrui en baldaŭa estonto internacian flughavenon.

La provinca surfaco estas 6.000 km$^2$ kaj havas 700.000 loĝantojn.

Veraj arbaroj de palmoj, oranĝarboj, migdalujoj kaj vitoj estas preskaŭ ĉie troveblaj.

La marbordoj, kun abundaj ŝikaj strandoj kiel ekz. tiu de Benidorm, kiu famiĝis lastatempe pro la kanzon-festivalo, ludas gravan rolon por turismemuloj. La nomata Costa Blanca longas 210 km. el kiuj 101 estas plaĝoj, la cetero klifoj.

La folkloraj festoj de maŭroj kaj kristanoj okazintaj ĉiujare dumsomere en kelkaj urboj, amuzas la vizitantojn. Ĝi estas historia reproduktaĵo de nia Milito de la Rekonkero, kie lukse kaj je la sono de muzikludo estas scenigitaj bataloj inter kristanoj kaj mahometanoj kun partopreno de heroldoj, musulma-

Nia amiko kaj kunlaboranto Sro. Salvador Gumá, el Reus, gajnis la trian premion en la Poezia OOMOTO-Festivalo de Kameoka, Japanio. Pri la okazaĵo raportis Radio Reus, kiu elsendis intervjuon kun posta legado de la premiaĵo.

*Kun intima ĝojo pro tiu triunfo, ni tutkore gratulas lin.*

---

naj ambasadoroj, armistico..

Ekzistas lokaj grupoj, kiuj vere majstras la tipajn dancojn kaj ĥorojn; ekz. tiu de urbeto Jijona, gajninto de la *Brusela internacia premio en 1958.*

La kuirarto estas aparta evento pri kiu fieras plej postulemaj gastronomiistoj. Ĉefe la rizo kaj fiŝoj estas preparitaj diversmaniere kaj laŭ sennombraj titoloj.

La vino, ĉefe tiu de la zono Monovar-Pinoso, verŝajne pro la klimato, atingas eĉ 18°.

Pri konfitaĵoj ekzistas la senkompara nugato, unuaranga ambasadoro en eksterlando, kiu laŭ diversaj preparoj, varieco de ovoflavo, neĝo, migdalo, k.a. famiĝis en la tuta mondo. Frandemuloj trovas en ĝi veran manaon.

La kultura kampo estas fiere reprezentata, inter aliaj, de jenaj *kleruloj:* verkistoj Azorín kaj Gabriel Miró; komponistoj Chapí kaj Oscar Esplá; *juristo-historiisto Altamira*; *komedi*-verkisto Carlos Arniches; marsciencisto Jorge Juan.

Apartan mencion meritas la bone flegita leprula sanatorio de Fontilles situanta sur norda parto de la provinco.

Aliajn mirindaĵojn ni trovas en:

ELCHE, unu el la plej antikvaj urboj de Hisp.; fenic-devena. 82.000 loĝantoj. Giganta oazo en la suda parto de la prov. Pro la abundo de palm-arbaroj meritas esti nomata la hispana Jerusalemo. Oni povas miri tie:

*La Parkon*, vasta ĝardeno kie svarmas plej variaj floroj kaj kreskaĵoj. Tie ĉi estas instalita interesa Arkeologia *Muzeo*; «Huerto del Cura» (Ĝardeno de l'Pastro) belega palmarbaro kun rango de «Nacia Monumento» kie troviĝas sep-branĉa palmo, rara ekzemplero de kies trunko *naskiĝas, kvazaŭ giganta* kandelabro, sep aliajn palmojn; kaj alia, gracie svelta, kun alteco da 30 m.! *En ĉi tiu ĝardeno troviĝas interesa Or*-Libro, riĉenhava albumo kun multaj subskriboj de multaj eminentuloj landaj kaj eksterlandaj, inter ili tiu de la fama astronomiisto Flammarion, vizitinto de la urbo okaze de iama suneklipso kun epicentro en ĉi tiu loko; kaj la Kastelo.

ORIHUELA, 50.000 loĝantoj, banata de rivero Segura, Episkopa sidejo. Fama palmĝardeno deklarita «Nacia Monumento». Ankaŭ interesaj, kun sama kategoria titolo, la katedralo, gotika stilo de XIVª j.c., kie konserviĝas bela pentraĵo de Velázquez; la kolegio de Stª Domingo (iama universitato), de la XVIª *j.c., kaj la kastelo.*

Ekzistas aliaj kasteloj deklaritaj «Nacia Monumento» en urboj Novelda, Biar, Denia kaj Biena. Krome, en ĉi tiu lasta, la preĝejo de Stª Jakobo, de la XVª j.c.

ALCOY, 56.000 loĝantoj. Gravega paperindustrio.

ELDA, grava ŝuindustrio. Freŝdate celebris internacian ŝuo-foiron.

TORREVIEJA, mondkonata sal-laguno, grava laŭ kvanto kaj kvanito; ofte estas tie videblaj grandtunaj ŝipoj de ĉiuj mondpartoj ŝarĝante tiun ŝatatan varon.

CREVILLENTE, fama tapiŝ-industrio.

Se vi deziras ĝui tiun mildan klima*ton, frandi tiun ambrozian nugaton* kaj ekstaze vidi tiujn idiliajn palm-arbarojn.

NEPRE VIZITU ALICANTE.

(1) Grekoj el urbo Focea.

# BILBAO

Mi vin ĝuis, Bilbao, ĉar ĉi-matene
renkontis mi amikon,
kiel mi, pro feliĉo, filo via.

En lia okul' la lum' de l'Ibaizábal
kaj en l'akcent' de la parol' la animo
—febreca en trankvil'—
vin pulsanta, Bilbao.

Estis la son', la ton' en kiu vibris
—estante mi animvirga—
virgaj la vortoj
en min irantaj.

Mi vin spiris, Bilbao, kaj ni nin sentis,
ambaŭ viaj filoj, fratoj
en bilbaneco.

Mi prenis en la mano
la manon de l'amiko
kaj adiaŭante, por mi mem mi diris:
—Fratoj ni estas ĉiuj la homoj,
la mondo estas ja Bilbao pli granda.

MIGUEL DE UNAMUNO
(Tradukis JES)

---

Nova Grupo de H. E. F. ĉe la,

CLUB DE AMIGOS DE LA UNESCO

Lauría, 12 - BARCELONA

Kunveno: ĉiusabate de la 6.ª ĝis la 9.ª vespere

VIZITANTOJ ĈIAM BONVENAJ

---

## XXVIIª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO - Loĝejo

Por plibonigi la ĉeestadon de niaj kongresanoj, la Loka Kongresa Komitato petis al la Direktoro de la Lernejo de Teknikaj Inĝenieroj, Placo Calvo Sotelo, 3, la rezervon de la Universitata Restadejo «Esteban Terradas», ĵus konstruita apud la Lernejo, kaj inaŭgurita dum la nuna kurso, kiu konsistas el 12 etaĝoj, el kiuj 10 estas por dorm-ĉambroj (10 po etaĝo) do entute 100 ĉambroj de po 2 litoj.

La peto havis sukceson kaj pro tio ni povas anonci al vi, ke kvankam ni ankoraŭ ne povas sciigi al vi la prezon kaj, se eble inkluzive la nutran pensionon, vi povas peti per la aliĝiloj rezervon de la ĉambroj kiujn vi bezonos, klarigante, ke vi deziras ĝin en la Universitata Restadejo.

Tuj kiam ni povos, ni konigos al vi pliajn detalojn.



# ESPERANTO EN LA SVEDA PARLAMENTO

La registaro traktis la rekomendon de la Parlamento kaj jam faris pozitivan decidon pri apogo de la principo transdoni al internacia forumo (aŭ scienca komisiono) la taskon ellabori superrigardan prognozon pri la lingvo problemo nuna kaj estonta.

(La bildo montras Sron. Malmgren dum sia prelego en la katedro de Esperanto de la Universitato de La Laguna.



## NIAJ BELULINOJ

Fraŭ. Teresa Illanas, reprezentantino de la Hispana Esperantista Junularo, en la Esperanto Kongreso de Rimini (Italia) salutas la Kongresanojn.

# AUTORIDAD DE LAS NACIONES UNIDAS

Otra de las cuestiones que han de tenerse presente en la enseñanza sobre las Naciones Unidas es la de su autoridad. El error de considerarlas como un gobierno mundial o como un órgano con poderes para intervenir en una multitud de problemas es muy corriente y lleva a confusiones graves. En muchos países la gente a propósito de cualquier problema o sector que le preocupe se pregunta: «¿por qué no hacen algo las Naciones Unidas?»

Los alumnos y los adultos han de percatarse de que la autoridad de las Naciones Unidas está estrictamente limitada y ajustan, por lo tanto, lo que esperan de ellas a esa limitación. Las Naciones Unidas son una organización intergubernamental y han de respetar la soberanía de las naciones. La Carta lo dice con toda claridad: «Ninguna disposición de esta Carta autorizará a las Naciones Unidas a intervenir en los asuntos que son esencialmente de la jurisdicción interna de los Estados...».

También ha de tenerse presente que las grandes potencias, desde que empezaron a prepararse los planes para las Naciones Unidas, decidieron todas establecer el derecho de veto en el Consejo de Seguridad por entender que poco o nada podría hacerse sin el acuerdo unánime de los cinco Grandes.

*«Hablemos de las Naciones Unidas»*
*de Leonard S. Kenworthy*

---

## ✳ *Ni legis por vi...*

EL JAPANA LITERATURO. — Redaktita de Miyamoto Masao kaj Isiguro Teruhiko, 15 x 21 cm. 266 p., tole bindita, eldonita de Japana Esperanto Instituto, Hongo 2-2-14, Tokio, 1965. Prezo: 5,40 usonaj dolaroj.

LA GAJA FUNELISTO. — Internacia Karnavala Gazeto. Eldonisto kaj Redaktoro: Ludwig Pickel, Postfach 2113, Nürnberg 2, Germanujo. Prezo: jarabono 1,50 GM.

VERDA FILM-STRIO. — Organo de Asocio Tutmonda de Filmo-Foto-Amatoroj. Redaktas Irene Fink. D.O. Box 32, Mount Waverley, Victoria, AUSTRALIO. Aperas laŭbezone. Jarabono 4 int. respondk.

---

RADIO JUVENTUD DE MADRID, PER MODULITA FREKVENCO, ELSENDAS ĈIUJAŬDE JE LA 22,45 HORO INTERESAN PROGRAMON PRI ESPERANTISTAJ TEMOJ. LA PROGRAMON PARTOPRENAS SRO. ENFEDAQUE, SRO. ARRANZ KAJ SRO. GOMEZ.

TIP. C. BOLOIX. - REINA FABIOLA, 7. - ZARAGOZA

D. L. Z. - 375